

Jaro 14 Aprilo 1962 N-ro 4

# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE I. F. E. F.

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Da Costakade 50, Utrecht, Nederlando




## LA 14-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - KONGRESO

### LASTA KOMUNIKO

**Kongresa Esperanto-poŝtmarko.** Okaze de la kongreso la Hungara Poŝto eldonos specialan Esperanto-poŝtmarkon de 1 forinto.
Le desegnaĵo de la poŝtmarko simbolas la montarojn kaj riverojn de Eŭropo. Semaforo kaj surskribo montras Budapeŝton. Supre estas skribita: 14-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso, kaj malsupre: Hungara Poŝto. En la supra maldekstra angulo troviĝas la kongresa emblemo.
**Kongresa poŝtoficejo** funkcios en la Kongresejo, kiu uzos specialan stampilon por la sendaĵoj.
**Filatelistoj atenton!** Vi povos renkontiĝi ĉe aparta tablo rezervita dum la Interkonatiĝa Vespero en la Kongresejo. La tablo havos la surskribon: Filatelistoj.
**Gejunuloj atenton!** Dum la Interkonatiĝa Vespero vi havos aparte rezervitajn tablojn en la Kongresejo.
**Senpagan bileton** ricevos ĉiu fervojista kongresano por vojaĝi en la lando kaj veturi en la ĉefurbo. Ĝi estos valida de la 25-a de aprilo ĝis la 24-a de majo 1962 por tramoj, subtera tramo, dentrada tramo, trolbusoj, (bluaj) aŭtobusoj en Budapeŝto kaj por ĉiuj vagonaroj trafikantaj laŭ horaro en Hungarujo, krome por la apartaj vagonaroj disponigitaj al la kongresanoj okaze de la du ekskursoj.
**Glumarkoj** kun la kongresa emblemo estas riceveblaj en verda kaj flava koloroj. Folio konsistanta el 20 ekzempleroj kostas 4 forintojn (2 Int. respondkuponoj).
**Poŝtkartoj** kun la kongresa emblemo kaj ilustritaj poŝtkartoj kun esperanto-surskribo pri Budapeŝto estos vendataj en la Kongresejo.
**Gramofondisko** aperos okaze de la Kongreso kun esperantaj kantoj akompanataj de granda fervoja simfonia orkestro.
**La kongreskartoj** estas jam dissenditaj.
**Monŝanĝo** okazos en la Kongresejo.
**Alveninte Budapeŝton** ĉiu kongresano iru al la stacidoma akceptejo kun la kongreskarto. De tie ili estos direktataj al la tranoktejoj/hoteloj.
**La giĉetoj estos malfermitaj** ĉiutage de la 8-a ĝis la 18-a horoj en la Kongresejo, escepte la du ekskursajn tagojn (marde kaj vendrede).
**La revuo Hungara Fervojista Mondo** estos dissendita meze de aprilo al la aliĝintoj. Ĝi enhavos ankoraŭ kelkajn detalaĵojn.

La Loka Kongresa Komitato

## AL BUDAPEST

Jam proksimiĝas la dato de nia 14-a kongreso. Streĉe laboras ankoraŭ la organizantoj, kies plej arda deziro estas prezenti al la partoprenantoj brilan kongreson kaj neforgeseblan restadon en sia bela urbo ĉe la Danubo. Gravaj estos la kunsidoj, instrua la restado en la lando, agrablaj la ekskursoj kaj distroj, kiujn zorgo planis la diligenta L.K.K. Post la unuaj kongreskomunikoj, kiuj laŭ financa vidpunkto ne estis tiom allogaj por certigi grandan nombron da partoprenantoj, ni interrilatis kun L.K.K., petante ioman mildigon de la financaj kondiĉoj. Laŭ rezulto de tiu interveno, la kongreskotizo senŝanĝe validas ĝis la 1-a de aprilo, kaj la kongresanoj povas pagi per sia nacia mono. Cetere ni havas fidon ke la L.K.K. gardas niajn membrojn kontraŭ supermezuraj financaj ŝarĝoj. La fakto, ke jam ĝis la komenco de marto sin anoncis pli ol 600 partoprenontoj, montras ke ankaŭ niaj membroj havas plenan fidon en L.K.K. kaj ĝiaj kapabloj.
Bedaŭrinde estas ke mendojn por hoteloj de katagorio B oni jam ne povas akcepti, dum mendoj por hoteloj el katagorio A povos esti plenumataj nur ĝis la 15-a de marto. Post tiu dato IBUSZ povas disponigi loĝadon nur en luksaj hoteloj. Ni forte esperas ke tiu irado de la aferoj ne malbone influos la bonegan sferon kiu ĉiam regas en niaj kongresoj.
La kongresa programo, kiun vi trovis en L.I.F. de februaro, mencias specialan kunvenon por la junularo. Per ĉi tiu aranĝo ni metas la unuan paŝon sur la vojo al starigo de junulara fako en la kadro de nia organizo. Sendube ĉi tiu unua paŝo estas ankoraŭ iom hezita, sed ni esperas ke nia junularo posedas sufiĉe da energio kaj persisto por venki la unuajn malfacilaĵojn, kaj krei por si iun aktivan rondon de junaĝa amikaro. La IFEF-estraro laŭpove stimulos tiun strebadon, kaj sendube ankaŭ la landaj asocioj etendos la helpan manon al la iniciativoj de la junuloj.
Aliaj gravaj punktoj estas la interkonatiĝa vespero, la solena malfermo de la kongreso kaj la diversaj laborkunsidoj, inter kiuj la kunsido de la IFEF-estraro kun la delegitaro okupas elstaran lokon. Espereble en tiu kunsido ni trovos la solvon, instali kompletan kaj kompetentan estraron, malgraŭ tio ke nia invito al pluraj eksterlnadaj kolego por akcepti estraran funkcion, donis minimuman rezulton. Kvankam la motivoj pri neakcepto de estrara funkcio estis plene akcepteblaj kaj neniel riproĉindaj, tiuj negativaj respondoj disrompis niajn planojn kaj trudis nin en situacion nebulan kaj ŝanceliĝan. Tiujn malfacilaĵojn ni devos solvi kun la helpo de la delegitoj, dum ankaŭ en tiu kunveno kaj en la redaktora kunveno ni devos ĝisfunde konsideri la proponitan ŝanĝon koncerne al nia gazeto. Do, laboro abundas — sed post la laboro atendas nin la distroj, kun ĉefaj punktoj la belegaj tuttagaj ekskursoj.
Kaj dum la tuta semajno ni ĝuas la plezuron de la restado inter amataj amikoj, kiuj kune kun ni laboras pri unu sama idealo, kaj kiujn revidi unu fojon en jaro vere ne estas tro multe. Ĝuste kaj ĉefe tial vi venu al nia 14-a por ke almenaŭ dum unu semajno en jaro vi sentu vin plene libera kaj feliĉa.
Por tiuj, kiuj ankoraŭ ne satĝuis ĝis tiu tempo, prezentiĝas la okazo partopreni poste la tutlandan kongreson de la Hungara Esperantista Movado. Venu do, por denove ĝui nian ĉiujaran festenon **Al Budapest!**

La prezidanto.



## KANTO DE LA LABORO

*Kiu martelegas feron,*
*Kiu falĉas la spikaron,*
*Kiu traboradas teron,*
*Por vivteni l' amataron,*
*Kiu tiras la ŝalupon,*
*Kiu plektas ĉe teksilo*
*Lanon, linon, krispan stupon,*
*Por ke kresku lia filo . . .*

*Ilin ĉiujn ni honoru!*
*Altvaloras kalaj manoj,*
*Ŝvitgutadon ni memoru*
*En uzinoj kaj kabanoj!*
*La plugil' honoras viron,*
*Laŭran kronon al merito!*
*Ankaŭ indas li admiron,*
*Kiu plugas per spirito!*

Traduko de Joh. Klerks, Bottrop.

# LA SUBTERA HONGARUJO

## LA GROTO DE STALAKTITO DE AGGTELEK

Malluma, subtera mondo kun kolosaj dimensioj, en kiu de tempo al tempo rapidegas la malpura akvoŝvelo de degelanta neĝo aŭ tiu de pluvegoj kun furioza rultondrado, kuntirante naĝantajn ŝaŭminsulojn, seke putrantajn branĉojn sur la dorso de sia impeta tajdo. Alitempe lu muta silento estas pli surda ol io ajn, nur kelkfoje aŭdiĝas mallonga ekplaŭdo de kelkaj defalantaj akvogutoj, aŭ la paca ĉirpado de ripozantaj vespertoj, eĥa mallumo de grandegaj rokoĉambregoj, lando de stalaktitoj — mi salutas vin milvizaĝo Baradla.

La groto de stalaktito de Aggtelek per sia beleco, per la grandegaj dimencioj, de jaro al jaro altiras amason da vizitantoj, inter kiuj multaj vizitas ĝin eĉ ĉiujare; ili plezuriĝas refoje ĉe la kolorpompa mondo de la regno de stalaktitoj. Sed la vizitantoj ne nur plezuriĝas ĉe la variaj formoj kaj riĉa kolornuanco de la stalaktitoj, ili ankaŭ interesiĝas pli detale pri la natursciencaj problemoj de la groto.

Ne kontentigas ilin la kono, kiu povas prezentiĝi al ili per unufoja inspekto de la groto. Kaj tio estas komprenebla. Krom la grotoj eble sur la tuta Tero ni ne konas tiujn fenomenojn, kiuj ebligas al ni tiel profundefike enrigardi al la evoluado de la senviva mondo, al la vivo de la ŝajne morta terkrusto. En la fundo de la grotoj, la vizitanto renkontas tute aliajn fenomenojn de la pulsanta vivo de la naturo, ol surface de la Tero. Tiel estas kompreneble, ke ĝis la tempo, ĝis kiam la progresanta naturscienco ne kapablas diveni la kaŭzojn, interrilatojn de la alie nekutimaj fenomenoj, la inspektantoj de la grotoj tre malmulton perceptas el la viditaĵoj kaj tiun malmulton ili fiksas tra la vualo de la mistiko, preskaŭ miraklon.

Kiam la vizitanto enpaŝas la groton de Aggtelek kaj ekvidas la grandegan subteran mondon de la gigantaj ĉambroj kaj tiun de la kapturne altaj galerioj, reflekse prezentiĝas al li la problemo, kiel estiĝis tiu ĉi kolosa, subtera kavernaro. Pri tiu problemo okupis sin jam la plej malnovaj esplorintoj kaj klopodis doni la plej diversajn klarigojn.

La unua kartografo de la groto Baradla estis Kristiano Raisz, kiu atribuis la estiĝon de la groto al efiko de fajro. Li kredis, ke la kavernoj kaj kavoj estis iam brulantaj krateroj. Poste troviĝis scienculoj, kiuj klopodis doni tiun klarigon, ke varmegaj solvaĵoj kaj vaporoj elformis la groton. Irante en la groto ĉe ĉiu paŝo ni trovas ŝtonetojn. Ĉi tiuj ŝtonetoj havas en la plej multaj lokoj nigran koloron. Sed se ni fendas ilin, ni povas tuj konstati, ke la nigra koloro estas nur supraĵa. Ĝi estas maldika nigra krusto, interne la ŝtonetoj estas puraj, blankaj aŭ rozkoloraj. Per tiu observo vekiĝis en Kristiano Raisz la penso, ke la elformiĝo de la groto estas atribuenda al fajro. Nome, li opiniis, ke la nigra kovraĵo de la ŝtonetoj kaj sur multaj lokoj de la muroj kaj stalaktitoj dokumentas la bruletigan efikon de la fajro.

Hodiaŭ ni jam scias, ke iaspecaj bakterioj okazigas tiun koloron. Tiuj bakterioj, kiuj amase vivas sur ĉiuj malgrandaj ŝtonetoj, dum sia vivprocedo ekskrecias nigran farbmaterion kaj tiu kovraĵo restas sur la ŝtonetoj kaj stalaktitoj.

En kelkaj grotoj ankaŭ vivas tiaj bakterioj, kiuj dum siaj vivprocezoj forprenas ĉiun varmon el la ĉirkaŭaĵo. Tie, kie ili troviĝas en granda amaso, la temperaturo de la groto malaltiĝas tiel forte, ke la fluantaj kaj gutantaj akvoj povas glaciiĝi. Sur tiu ĉi fakto baziĝas tiuj en la estonto efektivigendaj eksperimentoj, per helpo de tiuj bakterioj transformi kelkajn ĉambregojn de la groto al glacigroto.

Oni nomas stalaktitoj tiujn kalkajn, pintajn konusojn, kiuj eliĝas el la grotaj gutantaj aŭ likantaj akvoj post la elformiĝo de la grotaj kavernoj. Kiel ni scias, la akvo enhavanta karbacidon eniĝas en la fendetojn de la kalkŝtonformacioj kaj solvas ties materion. Dum nekalkulebla tempo elformiĝas la stalaktitoj kaj stalagmitoj kaj estiĝas la plej diversaj, kapricaj formoj. Oni distingas du formojn: la stalaktitoj pendas, la stalagmitoj staras. La plej granda parto de la stalaktitoj havas sian starantan paron, la stalagmiton, kiu kreskas de malsupre supren.

Se dum la kreskado de la stalaktitoj kaj stalagmitoj kunfandiĝas, ili formas „kolonon". Unu el la belegaj ĉambregoj de la groto Aggtelek ĝuste pro la multnombra stalaktitkolonoj, troveblaj en ĝi, estas nomita la „Portiko de kolonoj".

Se la akvo aperas ne sur la plafono, sed sur la flankmuro de la groto, tiam ĝi ne estigas stalaktitojn kaj stalagmitojn, sed „stalaktitsur-krustaĵojn" sur tiu murparto, kie ĝi likas. Tiel plej ofte formiĝas tiuj formacioj, kiuj similas akvofalon.

Tre belaj estas la formiĝintaĵoj, kiuj estiĝas sur deklivaj partoj. Oni vidas malgrandajn ondajn, puntornamitajn stalaktitojn. Iliaj randoj kunfandiĝas al variaj retoj, formantaj puntfiguran plektaĵon. La plej trafa nomo por tiu ĉi formiĝintaĵo estas „reteca stalaktito". Sed ne nur la plej variaj formoj de la stalaktitoj ravas la vizitanton, sed ankaŭ la plej variaj koloroj, kiuj estas sur ili videblaj. Oni povas vidi en la groto de Aggtelek neĝblankajn, flavajn, brunajn, ruĝetajn, rozkolorajn, bluajn kaj grizajn stalaktitojn.

La problemo tre interesas la vizitantojn, kiom da tempo necesis por la elformiĝo de tiu aŭ alia stalaktita formiĝintaĵo. La aĝon de la

stalaktitoj oni ne povas kalkuli. Ĉiaokaze la formiĝado de la stalaktitoj estas tre malrapida procezo kaj por la elformiĝo de pli grandaj kolonoj sendube necesas almenaŭ 5-6000 jaroj. Antaŭ preskaŭ 100.000 jaroj dum la glacia epoko la prahomo rifuĝis en la grotojn por defendi sin kontraŭ malamikoj. Tiuj grotoj konservis por ni la primitivajn ĉasilojn de la prahomoj kaj la ostojn de la konsumitaj prabestoj. Sed ne nur la prahomoj serĉis rifuĝejon en la grotoj, sed ankaŭ homoj de pli postaj epokoj. Ili transloĝis dum vintro kaj tien ili rifuĝis de siaj malamikoj dum grandaj bataloj. El arkeologia vidpunkto precipe la grotoj de la montaro Bükk estas famkonataj en nia lando. Kiam la internaj ejoj de la groto estis malkovritaj, ĉirkaŭ 6 km de la enirejo oni trovis apud la nudaj piedspuroj de la prahomo, rompiĝintajn terpotpecojn. Ankaŭ multaj kranioj estis trovitaj en la groto. La homo de la antaŭhistoria epoko kompreneble loĝis en la ĉambregoj proksimaj al la enirejo. Laŭkutime la plej malnovaj grotaj trovaĵoj estas la postrestaĵoj de la prahomo de la glacia epoko. Tiujn ĉi oni ankoraŭ ne demonstris, kvankam tie estis trovita la ruĝflava glaciepoka argilo kaj en ĝi la fosiliaj ostoj de la grota urso sur la kuirforno de la prahomo, homo. Laŭkutime oni trovas la ostojn de la grotaurso sur la kuirforno de la prahomo, dokumentinte, ke li volonte konsumis la viandon de junaj ursoj grotaj. Sur tiuj lokoj oni trovis krom la ostojn de ursoj, ankaŭ lignokarbopecojn de la fajro de la prahomo kaj ties krudajn ilojn faritajn el ŝtono.

La plej granda parto de la trovaĵoj de Baradla originas el la polura-ŝtona epoko. Se oni rigardas pli proksime la terpotpecojn, apenaŭ oni kredus, ke la homo preparis jam antaŭ 6000—7000 jaroj tiel bonformajn kaj bonguste ornamitajn vazojn. La ornamaĵoj estas variaj, ideoriĉaj, ili atestas preskaŭ neelĉerpeblan fantazion artistan. Krom la vazoj, ankaŭ poluritaj ŝtonhakiloj kaj diversaj ostaj iloj estas elfositaj.

Post la polura ŝtonepoko sekvis la granda invento, kiu ekprosperigis la evoluadon de la homa socio: la invento de la metaloj. La memoraĵoj de la fruaj metalepokoj, de la kupro- kaj bronzepoko mankas en la Baradla. Sed la trovaĵoj de la frue ferepoko ne mankas. Oni trovas vazojn, tranĉilojn, lancopintojn, ktp. Oni trovis eĉ orajn juvelojn sub unu roko.

El la arkeologiaj memoraĵoj, el la esploro de la geologio kaj estaĵoj de la groto ni konstatas, ke la nin ĉirkaŭanta viva kaj senviva mondo konstante kaj eterne ŝanĝiĝas, evoluas.

(El „Hungara Vivo" n-ro 3-4)

---

**„SELANDIA"** la unua motorŝipo estis surakvigata antaŭ nur 50 jaroj en Kopenhago.



La 4-an de novembro 1911 estis la unua ŝipo kun la dizelmotoro salutata per hurakrioj, kiam ĝi glitis sur sian ĝustan elementon, la akvon. Nova epoko por la ŝipkonstruada industrio estiĝis.
Tiu ŝipo estis konstruata de Burmeister & Wain en Kopenhago. Kaj la viro, kiu havis la neskueblan fidon pri la estonteco de la dizelmotoro estis la dana inĝeniero kaj maŝindirektoro Ivar Knudsen, kiu plibonigis la dizelmotoron, tiel ke ĝi estas aplikebla kiel trakciforto en ŝipo. La motoro estis konstruata de la germana inĝeniero Rudolf Diesel (Dizel).
Antaŭ kiam estis eble apliki la motoron en ŝipo, Ivar Knudsen faris multajn vizitojn ĉe Rudolf Diesel, kiu estis inventinta maŝinon, kiu povis sin movi per brulaĵo — ĉiokaze oleo injektita rekte en la cilindron, en kiu ĝi estu eksplodigita per kunpremo. Diesel estis multe kontraŭagita, ĉar lia maŝino ne bezonis karbon, kiu estis la bazo de la germana grandindustrio.
Je tiuj vizitoj Ivar Knudsen konstatis kelkajn fundamentajn mankojn en la motoro. Intima kunlaboro estiĝis inter tiuj du homoj. Tial estis tute nature, ke Ivar Knudsen ricevis licencon por B & W en Danlando por konstrui dizelmotorojn.
Ĝis tiam la motoro estis aplikata nur en elektrikejoj kiel fikse fundamentita maŝino. Kaj antaŭ kiam ĝi estis aplikebla en ŝipo necesis fari ĝin tiel, ke ĝi funkciu ambaŭ direkten. Post multaj intertraktoj kun Diesel tiu diris: „Ivar Knudsen estas la homo en la tuta mondo, kiu ne nur komprenas miajn ideojn, sed ankaŭ havas la plej bonajn eblecojn por efektivigi ilin".
En 1909 Ivar Knudsen sukcesis konstrui motoron, kiu bone taŭgis kiel ŝiptrakcio. Kaj tial la granda firmo Ø.K. (Orientasia Kompagnio) mendis du ŝipojn kun dizelmotoroj kargpovaj 7400 tunaj. La ŝipoj estis baptataj „Selandia" kaj „Fiona". Tria ŝipo konstruita en Anglio ricevis la nomon „Jutlandia". La tri nomoj estas la tri grandaj provincoj en Danlando: Selando, Fueno kaj Jutlando.
„Selandia" vekis gravan atenton en la tuta mondo, speciale dum sia debutvojaĝo al la Oriento. Dum restado en Londono la tiama mardefend-ministro Winston Churchill honoris Danlandon pri tiu epokfara sukceso.
La dizelmotor estas ja malpli trakcikosta ol la vapormaŝino. La oleo ne okupas tiom da spaco en la ŝipo kiom la karbo, kaj tial la ŝipo povas porti pli da kargo. Por substreki la diferencon inter motor- kaj vaporŝipoj oni tiam ne metis fumtubojn sur la motorŝipoj. Sed poste oni denove faras tion precipe kiel dekoracion.
La evoluo de la dizelmotoro estas konstante progresa. La plej granda parto de la kargŝipoj en la mondo havas motorojn konstruitajn laŭ licenco de B. & W., kiu havis licencojn en la plej multaj landoj.
Post la plibonigo de la premŝargita dizelmotoro povas eĉ tre grandaj ŝipoj ĝis 40—50000 tunoj apliki dizelmotoron. Ŝipoj pli grandaj ne estas eksterordinaraj hodiaŭ, sed ili aplikas vaporturbinojn.
Konstante oni faras plibonigojn de la motoro, kaj dum kiam dizelmotoro funkcias en ŝipo, restas la memoro pri la du inĝenieroj Rudolf Diesel kaj Ivar Knudsen.

Laŭ „Aarhuus Stiftstidende"
trd. Jico.

## ĈU LA UZADO DE LIBERA TEMPO ESTAS PROBLEMO?



En multaj landoj kontinenantaj oni nun posedas la kvintagan laborsemajnon, kaj kelkloke aperas tre zorgoplenaj komitatoj, kiuj serioze sinokupas studadi kiel tiu ĉi libera tempo plej bone kaj respondece estu utiligata.
Ekzistas granda elekto por libera tempdestino: iuj jam tre frumatene ellitiĝas por fiŝkaptadi, aliaj ĝuste restas ĝis tagmeze en la lito, kaj tre ĝojas pro tio. Unu konstruas per alumetoj belegan katedralon, kaj kiu scias kiom da patroj trapasas multajn horojn en kelo aŭ subtegmentejo por amatore fari tie radioaparaton aŭ eĉ kompletan fervojon?
Praktikuloj faras novan meblaron en hela koloro kaj nodas mem la tapiŝon en koloroj, kiujn ili elektis pro la beleco kaj kiuj perfekte akomodiĝas al la nova meblaro.
La intensegaj koloroj orientaj ne plu bone akomodiĝas al niaj modernaj loĝejoj, tamen pro la grandaj kolornuancoj nur eblas per

lano. La komutado kaj akomodado estas relative bone kaptitaj.
Ne tiom konataj kiel orientaj tapiŝoj estas la Rya tapiŝo, kiu devenas el Skandinavio. La nomo estas finna kaj la plej malnovaj ekzempleroj datumas 1700. Ili estis farataj ĉefe de kamparanoj kaj aspektas urshaŭtaj, kiujn ili imitas. Multuzataj ili estis kiel kovrilo glitveturila, sed ankaŭ kiel litkovrilaĵo kaj oni metis ĉiam la lanflankon interne. Dum la preterpasado de jarcentoj ĉi tiu norda arto estas dekadencita, sed allogitaj pro la multaj ebloj per puraj lankvalitoj, la nordaj artistoj revivigis tiun ĉi noblan arton en siajn modernajn projektojn, kiuj estas akomodigitaj al nuntempaj gusto kaj kutimo.



Kiam oni decidas nodi tapiŝon, tiam estas kelkaj aferoj, kiujn oni nepre atentu antaŭ ol aĉeti ion. Kiam la elektita tapiŝo estas tre granda, tiam povas okazi ke la bezonota gazo ne estas havebla laŭ larĝo en unu peco. Vi certe devos aĉeti la tute bezonotan kvanton en unu fojo, ĉar aliel venos malfacilaĵoj ĉe la kunigado pro la fakto, ke ne ĉia gazo estas precize sammezura. La malsameco ja estas nur eta, sed la tuto de tiaj diferencoj tamen estas pli granda ol vi opinias kaj malfacile forigebla. Kiam oni por sia tapiŝo bezonas multan lanon de certa koloro, tiam oni saĝe agas aĉeti ĉiun bezonatan lanon samtempe, aŭ almenaŭ mendi, ĉar povas okazi ke diversaj kvantoj de lano samkolora, tamen iomete malsimilas, kaj tio estas videbla en via tapiŝo, kio estus tre domaĝa.
Ekzistas du metodoj de nodligado. Kiam oni decidis pri la longo fadena, oni tondas la lanon en pecoj de la dezirata longo. Por plifaciligi tiun laboron, oni povas volvi la fadenon ĉirkaŭ mezurilon kaj tiel tondi tridekon samtempe. Per speciala kudrilo oni tiras la duoblan fadenon tra la gazo, kaptas ambaŭ fadenfinojn kaj tiras ilin tra la banto.
La nodo estas firma kaj fortika. Malavantaĝo de tiu ĉi metodo estas: la fadenfinoj ofte estas malegalaj, kaj pro tio necesas tondi la malegalaĵojn, aŭ tranĉi ilin.
La dua metodo estas pli simpla: oni laboras per kudrilo kaj fadenoj. Atentu: la fadeno estas ofte tirata tra la kruda gazo kaj rapide eluziĝas. Oni nepre ne prenu longajn fadenojn! Oni faras banton per simpla nodo kaj poste la bantoj estas tondataj. Per tiu ĉi metodo oni bezonas malpli da lano, sed la nodoj estas malpli firmaj kaj ŝoveblaj, kvankam tio aŭtomate ne okazas.
La kvalito de la lano ankaŭ estas tre grava. Ju pli dika la lano, des pli kompakta la tapiŝo. Kompreneble la elspezoj estas ankaŭ pli grandaj sed, kiel ĉe ĉia manlaboro, sukceso ne dependas de inteligenteco aŭ diligenteco, sed grandparte ankaŭ de la kvalito de la materialo kiun oni uzas.

Gazetarkomuniko de I.W.S.



---

# *PER MEZURO KAJ PESO AKIRIĜAS SUKCESO*

## EL LA SEKCIOJ

### Belgio

La Esperanto-semajnfino organizita la 24—25-an de februaro en la moderna Eŭropa Junulgastejo de Brugge, sub la aŭspicioj de la Belga Esperanto Fervojista Asocio, iĝis vera sukceso. Efektive, ĉar inter la partoprenantoj estis reprezentitaj ĉiuj esperanto-organizoj el Belgio.
Tiu sukceso pruvas ke la esperantistaro en Belgio deziras tute diferencan interesperantistan renkontiĝon ol tiujn, kiujn nia enlanda movado ĝis nun prezentis al ni.
La sabata programo konsistis el kultura kaj interfratiĝa partoj, al kiuj kunlaboris la loka grupo esperantista per teatraĵeto, skizo kaj kantoj, kaj la esperanto-fako de la Bruselaj Naturamikoj, kiu prezentis diversajn popoldancojn. Per la interfratiĝa vespero la frateca sfero certe estis kreita. Menciinde estas ke la loka grupo starigis vere admirindan kaj allogan librostandon kun la plej lastaj eldonaĵoj.
La dimanĉmateno komencis per katolika diservo en la junulgastejo mem, sed la kulmina punkto de la renkontiĝo certe estis la forumo pri la unueca agado por esperanto en nia lando. Neniam antaŭe en Belgio okazis tia lerniga, interesa kaj bone gvidata kontakto inter pluraj eminentaj aktivuloj el la plej diversaj esperanto-organizoj en Belgio. La 51 gepartoprenantoj kun entuziasmo danke kaj longe aplaŭdis la finon de tiu ĉi kuraĝiga kontakto, el kiu ni povas konkludi, ke la belga agado devas daŭrigi kia ĝi nun estas, nome plej diversa en kulturaj, politikaj, relegiaj kaj fakaj medioj, sed ke unueca agado devos esti organizata en tuja estonteco por prilabori la lernejajn kaj radiajn terenojn.
La forumo konsistis el la s-roj: De Bruyne (BEFA), Bracke (SAT), Roose (Belga Esperanto-Federacio), Pupey (Antaŭ Belga Bruĝa Grupo), Lödor (SAT-Gent.), Martens (BEF-Brugge), Ponti (Den Haag), Van Aelst (SAT-amikaro Bruselo). Kontraŭ pago de nur 20 Fr sur la PK 4770.76 de BEFA Bruselo 19, magnetofonbendo 4x12 estas luebla kun la ĉefaj punktoj el la forumo.

---

## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ



### Nova Esperanto-prospekto pri Wuppertal

Pro la eksterordinara sukceso en la varbo kaj informado pri Wuppertal per Esperanto-prospekto, la „Presse und Werbeamt Wuppertal" (gazetar- kaj varbofico de Wuppertal) jus eldonis duan, tute novan Esperanto-prospekton. Ĝi estas senkoste havebla ĉe „Presse und Werbeamt Wuppertal". Oni nepre petu la Esperanto-prospekton esperantlingve.

### La unua ĉeĥoslovaka poŝtmarko kun esperanto-teksto

Somere de la 18-a de aŭgusto ĝis la 2-a de septembro 1962 okazos en Praha la unua Tutmonda ekspozicio de poŝtmarkoj.
Por propagandi la ekspozicion la ĉeĥoslovaka poŝto emisiis jam fine de pasinta jaro serion de 11 diverskoloraj memorigaj poŝtmarkoj. Sur ĉiu poŝtmarko troviĝas teksto krom en la ĉeĥa aŭ slovaka lingvoj, ankaŭ en la lingvoj angla, araba, ĉina, **esperanta,** franca, germana, hispana, itala, rusa kaj sveda.
La uzantojn de la Internacia Lingvo ĝojigos la fakto, ke inter la nomitaj estas alprenita ankaŭ Esperanto.
La esperanta teksto: „Tutmonda ekspozicio de poŝtmarkoj" troviĝas sur la marko de valoro 2 Kĉs, kiu prezentas la novan fandfornegon de K. Gottwald en Ostrava-Kunĉice. Ĝi estas presita en nigra kaj oranĝa koloroj. Per siaj motivoj kaj la teknika prilaboro la tuta emisio prezentas altan majstrecon de ĉiuj, kiuj partoprenis en ilia preparo. Tial ĉiuj poŝtmark-kolektantaj esperantistoj en la tuta mondo ĝoje rigardos ilin en siaj albumoj, ne nur pro tio ke inter la poŝtmarkoj **Praga 1962** troviĝas unu kun teksto en Esperanto, sed ankaŭ pro tio, ke la tuta serio prezentas maloftan galerion de ĉeĥoslovakaj naturbelaĵoj en miniatura grafika arto. Pro la relativa tre malalta eldonkvanto de la poŝtmarkoj, oni ne povas aĉeti ilin unuope, sed nur en kompletaj serioj. Ĉiuj, kiuj interesas pri ili, tuj petu ilin en sia plej proksima pm-vendejo aŭ skribu rekte al sialanda ĉefurba filatelista agentejo, kiu havigos al vi la kompletan neuzitan serion **„Praga 1962".** Riceveblaj estas ankaŭ la unutagaj kovertoj (FDC), entute kvin diversaj, kun ĉiuj 11 pm, stampitaj per speciala nuligilo.

**Denove pri la stampilo: „75 jahre internationale sprache".**
En la februara numero de L.I.F. ni jam menciis ke la svisa poŝtadministracio uzas en la jubilea jaro 1962 specialan stampilon por senvalorigi la poŝtmarkojn. Ĝi enhavas portreton de d-ro Zamenhof kaj jenan tekston: „75 jahre internationale sprache". Ĝi estas uzata en grandaj lokoj de Svislando, laŭ speciala programo, kiun ni ĉi-sube daŭrigas:
Aprilo: Glarus kaj Saraŭ 1. Majo: Grenchen So kaj Schaffhausen 1. Junio: Langenthal kaj Baden 1.
Interesuloj, kiuj ne havas svisan korespondanton, povas sendi al la suba adreso du aŭ pli da adresitaj, malfermitaj respondkovertoj kaj du internaciajn respondkuponojn (aŭ 3 stelojn) po du ĝis kvar respondkovertoj. La subskribinto ne povas korespondi pri tiu servo. J. J. Sturzenegger, Rothstr. 7, Zürich 57, Svisio.

**Frostavallen denove**

Sveda Esperanto-Instituto aranĝos ĉi-jare denove sian altkvalitan kaj treege ŝatatan prelegsemajnon en Frostavallen.
La temo estos: la laboro de Unesko; la granda projekto Oriento-Okcidento; ĉefverkoj de la Monda Literaturo en la Internacia Lingvo. Prelegos prof. d-ro Ivo Lapenna, Britujo; prof. d-ro Hideo Yagi, Japanujo; doc. S. Pragano, Nederlando kaj s-ro Jean Thierry, Francujo.
La prelegsemajno okazos tuj post la Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago, de kie oni en nur kelkaj horoj povas atingi la preleglokon Frostavallen. Informojn kaj aliĝilojn oni petu ĉe s-ro Jan Strönne, Amiralsgatan 36, **Malmö,** Svedujo. Rekomendinde estas aliĝi tre frue.

**Hungara Vivo**

La estraro de Hungara Esperanto-Asocio kun ĝojo sciigas ke la longa deziro de la hungara Esp-movado eldoni ilustritan revuon, post multaj malfacilaĵoj, fine realiĝis. La revuo havas la titolon **„Hungara Vivo"** kaj estas provizore kvaronjara. Ĝiaj unua kaj dua numeroj jam aperis, kaj la sekvonta estas jam kompostata.
Tiu ĉi sciigo el la tutmonda esperantistaro bedaŭrinde pro diversaj kaŭzoj ĝis nun prokrastiĝis, pro kio ni petas vian komprenon kaj pardonon. En la sinsekvaj numeroj de nia revuo ni intencas skizi realan bildon pri la ĉiutagoj de nia laboranta popolo, prezenti hungarajn regionojn, kaj doni mallongajn retrospektojn en la pasintojn de niaj historio, arto kaj scienco. Elektitaj bildoj ilustras la paĝojn de la revuo, kiun oni pretigas en la presejo de la Hungara Scienca Akademio.
La abonprezo por tuta jaro estas 1,50 US-dolaroj.
Petu informojn ĉe: Redakcio de Hungara Vivo, Budapest V, Pet-ofi S.u.17.

## ESPERANTO - KALENDARO POR 1962

**5 ĝis 11-5**
IFEF-kongreso en Budapeŝto.
**3-7 ĝis 15-9**
Someraj okazaĵoj en Kastelo Grésillon, Baugé (M-et-L), Francujo. Petu detalan programon.
**4 ĝis 10-8**
SAT-kongreso en Vieno, Aŭstrio.
**4 ĝis 11-8**
U.E.A.-kongreso en Kopenhago, Danlando.
**12 ĝis 19-8**
Sveda Somera Semajno en Frostavallen.
**18-8 ĝis 2-9**
Tutmonda ekspozicio de poŝtmarkoj en Praha, Ĉehoslovakio.
**2 ĝis 8-9**
Feriosemajno sur Oberbalmberg apud Solothurn, Svislando. Detalan programon vi petu ĉe kolego Hans Hunkeler, Esp-Poŝtfako 417, AARAU, Svisio.
**10 ĝis 22-9**
Dekkvartaga feriorestado en "De Leemkule", Nederlando. Petu informojn ĉe kol. T. M. Blauw, Begoniastraat 12, Zwolle, Nederlando.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando